2.ª Ep. AÑO XI N.º 63 (199) SEPTIEMBRE - OCTUBRE 1973 EXTRAORDINARIO




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# XXXIIIª
# HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Oficiala Foto

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16
Sekretario:
S-ro Manuel Figuerola Palomo
Str. Arturo Soria, 192, 3.º-D
MADRID-17
Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6
Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15
Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA
Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.



## de Secretaría

### NUEVO DIRECTORIO

Deseando editar de nuevo el Directorio de los miembros de la Federación, ruego a todos los miembros que deseen hacer alguna rectificación en sus direcciones, la envíen a la Secretaría de la Federación Española de Esperanto antes del día 30 de octubre

### LASTMOMENTA SCIIGO

La esperantistoj de Valladolid proponis sian urbon por okazigo de la XXXIV-a Hispana Kongreso de Esperanto la proksiman jaron.

En venonta numero de BOLETIN ni informos pri la dato en kiu okazos la plej grava esperantista evento de Hispanujo.

### DEZIRAS KORESPONDI

SVEDUJO. — 40101 Göteborg 1, Poste Restante, S-ro Jan Vedevik, 54-jaraĝa, vidvo deziras korespondi kun hispanino pri ĉiuj temoj, speciale pri literaturo kaj arto.

ITALUJO. — 09100 Cagliari, via San Giovanni 311, ASSORAIDER-ESPERANTO. Sardiniaj gejunuloj, membroj de skolta asocio (komencantoj), deziras korespondi kun esperantistoj en la tuta mondo. Estas ankaŭ dezirataj ĉiaj Esperanto-eldonaĵoj, kaj kontaktoj kun aliaj skoltaj aŭ samcelaj asocioj. Ĉar temas pri komencantoj, bonvolu skribi tekston kaj adreson tre klare, prefere tajpe. Oni garantias respondon.

AUSTRALIO. — Esperanto League of W.A., C/o P.O.Box 53, Nedlands 6009 West Australia. Membroj de la ĉi-supre anoncita asocio deziras renkonti esperantistojn el aliaj landoj; ĉiu maristo aŭ alia vojaĝanto kiu trapasos sian regionon estos bone akceptata. Vojaĝontoj, skribu al supra adreso.

POLLANDO. — 84-300 Lebork, poŝtkesto 37, S-ro Wieslaw Beyrowski. 20 geklubanoj (aĝo 20-35 jaroj) de Esperanto-klubo "Balta Stelo" deziras korespondi kun hispanaj geesperantistoj pri ĉiuj temoj kaj interŝanĝi bildkartojn.

* * *

Anoncetojn kies adreso ne estas klare skribita, mi ne aperigas. Do bonvolu skribi preslitere aŭ tajpe.

# XXXIII<sup>a</sup> HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO



S-ro Prytz prelegas dum la Kultura arango.

Kiel programite la XXXIII[a] Hispana Kongreso de Esperanto okazis en Madrid, de la 20-a ĝis la 24-a de julio. Ĝin partoprenis ĉirkaŭ 200 kongresanoj. Kongresejo estis la moderna kaj bela Palaco de Kongresoj.

*20-an de julio.* Je la 9-a h., en la Akceptejo, entuziasmaj deĵorantoj ekliveras la dokumentojn. Tiu tago estas dediĉita al H.E.J.S.; la junaj esperantistoj deziras trankvile pritrakti la aferojn koncernantajn al la Junulara Sekcio, antaŭ la oficiala komenco de la Kongreso.

Je la 11-a okazis Kultura aranĝo. Nia norvega samideano S-ro Otto Prytz prelegis pri aktualaj temoj: "Malpurigo de la atmosfero kaj de la akvo". "Uzoj de la nuklea energio".

La prelego, ja interesa, estis vera leciono laŭ sia enhavo kaj pro la flua kaj korekta Esperanto uzita de S-ro Prytz. Sekvis tre interesa diskutado pri la temoj de la prelego, kiun partoprenis preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj kaj kiun gvidis S-ro Prytz.

Je la 17-a h. okazis laborkunsido de H.E.J.S.; pri ĝi la Junulara Sekcio raportos en sia Bulteno.

Je la 22,30-a h., en la Parko "Airiños", okazis la Interkona Vespero kaj samtempe la junulara balo. Dum la festo oni elektis "Fraŭlinon Esperanto 1973". Pro ŝia beleco kaj simpatio estis elektita nia samideanino Mari Carmen Herrero, filino de nia Honora Prezidanto Dro. Rafael Herrero.



Fraŭlino ESPERANTO 1973

*21-an de julio.* Je la 10,45-a h., ĉiuj kolektiĝis en la Preĝejo de la Kongregacio de la Sakraj Koroj por partopreni la Meson en Esperanto. Pastro José M.ª Claramunt Sch.P oficis kaj predikis en la Internacia Lingvo, kiel kutime tre elokvente.

Je la 12-a h. Solena Malfermo de la Kongreso en la kongresejo. Prezidis la Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, S-ro Angel Figuerola, kiun akompanis ĉe la prezida tablo ceteraj estraranoj de H.E.F. kaj membroj de la L.K.K.; kiel Sekretario funkciis la Sekretario de H.E.F., S-ro Figuerola Palomo.

S-ro Angel Figuerola, kiel Prezidanto de H.E.F. kaj de la L.K.K. bonvenigis la kongresanojn kaj prezentis la nunjaran signifon kaj manifestiĝon de nia movado. La Sekretario legis la ricevitajn telegramojn.

Tuj sekve salutis la Kongreson la reprezentantoj de la diversaj Sekcioj kaj Grupoj apartenantaj al la Hispana Esperanto-Federacio, kaj fine salutis la alilandaj samideanoj.



**Pola samideanino salutas la Kongreson**

Solena Malfermo de la Kongreso. Prezida tablo

La Prezidanto de H.E.F. malfermis la Kongreson kaj faris la malferman paroladon, en kiu li reliefigis la gravecon de Esperanto, kiel solvo por la lingva problemo kaj la bezonon de pli intensa kunlaboro por la disvastigo de Esperanto.

Finiĝis la solenaĵo per kantado de "La Espero".

Je la 17-a h. okazis laborkunsidoj de la diversaj sekcioj de H.E.F., kaj je la 19,30-a prelegis en Esperanto S-ro Darío Rodríguez López de Silva pri la temo: "Lingva ĥaoso, bremso por la progreso". Varma aplaŭdado fermis lian interesan intervenon. Laŭ peto de diversaj esperantistoj, anstataŭ raporti pri la prelego, mi aperigos ĝin en BOLETIN.

Je la 22,30-a h. estante invititaj de la madridaj esperantistoj, la kongresanoj rondiris la urbon en nokta aŭtobusa vizito.

*22-an de julio.* Tuttaga ekskurso al Segovia kaj La Granja. La aŭtobusoj startis frumatene, kaj... Jen Segovia, historia urbo situanta sur roko inter du profundaj valoj, en ĝi gracie elstaras la Alkazaro, konstruita en la XIII[a] jarcento kaj tute renovigita en la XV[a]; nuntempe ĝi estas Akademio pri Artilerio. La historio, de la Roma epoko ĝis la nuntempo lasis en Segovia nenombreblajn atestojn: romanikajn turojn, palacojn, preĝejojn, kaj kiel plej gravan atestanton la imponan roman akvedukton, kiu ankoraŭ nun kondukas akvon kiel en tempo



S-ro Rodríguez López de Silva dum sia interesa prelego



Gekongresanoj admiras la akvedukton en Segovia



Gekongresanoj en la ĝardenoj de La Granja

de la romanoj. Ĝi konsistas el 118 arkaĵoj el ŝtonoj surmetitaj, kaj ĝi estas 728 m. longa kaj 29 m. alta. Ĉio ĉi, kaj pluraj diversaj vidindaĵoj altiras la atenton de la vizitantoj kaj mirigas ilin.

Ni tagmanĝis en Segovia kaj posttagmeze ni veturis al La Granja. Estas famaj la valoregaj tapiŝoj konservataj en ĝia palaco, kaj ĝiaj ĉarmaj ĝardenoj ampleksantaj 145 Hektarojn... Nenombreblaj fontanoj ornamas la kulturatan naturon...

Bone organizita ekskurso, kiun plezure memoros la partoprenintoj.

*23-an de julio.* Je la 10-a h. okazis la Akademia kunsido omaĝe al la kongresanoj, kiuj partoprenis la XVIII-an Hispanan Kongreson de Esperanto en Madrid (1957) kaj tiutempaj pioniroj jam forpasintaj. Prezidis la Prezidanto de H.E.F., kiu malfermis la Kunsidon.

Unuavice parolis S-ro Jaime Aragay, el Barcelona, kiu legis biografian skizon de S-roj Delfí Dalmau kaj Francisco Vilá; sekvis S-ro Enrique Arnau, el Cheste (Valencia) kiu omaĝe prezentis la figuron de S-ro Francisco Máñez; S-roj Miguel Cazorla, el Alicante kaj José Gómez Ibars el Barcelona reliefigis la personecon de S-ro José Ezquerra; Pastro José M.ª Claramunt Sch.P., parolis pri Pastro José Casanovas; S-ro Darío Rodríguez legis omaĝan prezentadon de S-roj Ernesto Guillem, Rafael Vizcaino kaj Luis Hernández, senditan de D-ro Rafael Herrero el Valencia; kaj S-ro González Aboín prezentis la figuron de S-ro Rafael Gastón.

Fine la Prezidanto, resumis la diversajn paroladetojn. Unue li klarigis kial li elektis S-ron Gastón por ankaŭ reprezenti la ceterajn pionirojn jam forpasintajn; kaj rakontis anekdoton, kiu pruvas la nevelkeblan esperantistecon de la forpasinto.

S-ro Figuerola per siaj vortoj kuraĝigis al plulaborado kaj petis ke ni ĉiuj sekvu la rektan vojon signitan de niaj antaŭuloj, kiu multe faciligas nian nuntempan laboron.

Je la 16-a h. okazis laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun la delegitoj de Sekcioj kaj Grupoj.

Dum la kunsido oni studis kaj detale pritraktis ĉiujn punktojn de la tagordo por la Ĝenerala Kunveno de la Hispana Esperanto-Federacio, kaj ceterajn proponojn de la kunsidantoj kaj de S-ro Hernández Llusera, el Sabadell, kiu sendis ilin skribe.

Oni ankaŭ pritraktis la funkciadon de la Federacio, de kiam ĝi estis translokita al Madrid kaj oni studis solvon por ĝia plej bona funkciado.

Je la 19,30-a h. S-ro Otto Prytz, profesoro de la Universitato de Oslo (Norvegujo) prelegis en la hispana lingvo pri la temo: "Utilidad del Esperanto para el aprendizaje de todo idioma".

La preleganto, kiu konas plurajn lingvojn, montris al ni klaran bildon pri la utileco de Esperanto por la lernado de lingvoj. La prelego estis ja interesa kaj je la fino, S-ro Prytz devis respondi plurajn demandojn.

*24-an de julio.* Je la 9-a h. okazis la Ĝenerala Kunveno de H.E.F.; dum ĝi estis aprobitaj la protokolo de la an-

taŭa Ĝenerala Kunveno kaj la raporto de la Sekretario. Ankaŭ estis aprobitaj la raporto de la Kasisto kaj la ĉijaraj kontoj per kiuj oni likvidas la kontojn de la pasintaj jaroj, antaŭ ol estis Kasisto S-ro Gerardo Flores. Ĉar neniu Grupo proponis sian urbon por okazigi la venontjaran kongreson, oni multe pritraktis la aferon, kaj fine, la esperantistoj de Valladolid promesis studi la eblecojn por okazigi ĝin en Valladolid aŭ en Burgos. Pri la dato, oni decidis ke la komenco de la Kongreso estu plej malfrue la 18-a de julio.

Renovigo en la estraro de la Federacio. La estraro, principe, estis reelektita, kvankam en ĝi devos okazi ŝanĝoj.

Pri la lasta punkto de la tagordo, estis aprobita la ideo de la estraro pri starigo de Nacia Komisiono por Ekzamenoj de Esperanto, kaj estis komisiita la estraro por studi la konsiston de tiu Komisiono.

Fine, oni detale pritraktis la diversajn proponojn prezentitajn. S-ro Julio Bueno, nome de la esperantistoj de Vigo, proponis ke estu nomita Honora membro de Hispana Esperanto-Federacio, S-ro Camilo Veiga Prego, de Vigo. Tondra aplaŭdado subskribis la proponon de S-ro Bueno, kiu sekve, estis unuanime aprobita.

Je la 12-a h. okazis la Ĝenerala Eksterordinara Kunveno de la Federacio. En la tagordo estis unu nura punkto, kiun la kunsidantoj aprobis unuanime.

Je la 13-a okazis la ekzamenoj de Esperanto por tiuj kiuj deziris havi la kapablecan diplomon. Aparte, ni informas pri ili.

Je la 19-a h. okazis la Ferma Kunsido de la Kongreso. Prezidis la Prezidanto de H.E.F., estante akompanata de la ceteraj estraranoj de nia Federacio ĉeestantaj en Madrid kaj membroj de la L.K.K.; la Sekretario legis la decidojn de la Ĝenerala Kunveno de H.E.F. kaj de la Kongreso.

La Prezidanto fermis la Kongreson kaj dankis ĉiujn kongresanojn pro ilia ĉeesto kaj kunlaboro. Per kantado de La Espero finiĝis la solenaĵo.

Je la 22-a h. parto de la kongresanoj kolektiĝis en centra restoracio por la Oficiala Bankedo, kiu okazis en vere frateca etoso, la ceteraj devis forlasi Madridon tuj post la fermo de la Kongreso, pro diversaj kaŭzoj, inter ili, la urĝa veturado al la Universala Kongreso.

INÉS GASTÓN



Oficiala Bankedo




*LA LAGUNA (Tenerife)*

FESTO DE LA KORPO DE JESU-KRISTO 1973

Estas jam multjara tradicio, ke la Esperantista Societo de Tenerifo, laŭ invito de la magistrato de La Laguna (Tenerifo), kontribuu al la eŭkaristia festo flortapiŝon sur la vojo de la solena procesio.

Jen bildo de la ĉi-jara flortapiŝo aranĝita de la membroj de la Esperantista Societo de Tenerifo antaŭ la ĉefa enirporto al la Societejo.

*BARCELONA*

PRELEGVOJAĜO DE GIORGIO SILFER

La unuan semajnon de ĉijara julio vizitis Barcelonon samideano Giorgio Silfer, akompanate de sia asistantino Vanna Guernieri.

Giorgio Silfer —arta nomo de Valerio Ari— estas eksperto pri sociolingvistikaj problemoj, esperanto-instruisto kaj internacia prelegisto.

Ĉefe, li estas konata en Esperantujo pro siaj beletraj verkoj kaj pro sia laboro kiel ĉefredaktoro de la revuo LITERATURA FOIRO (1).

La "Grupo de Esperanto Sabadell", "Club de Amigos de la UNESKO" kaj "Stelo de Paco" en Barcelono, kaj la Esperanto-Fako de "Centro Excursionista Puigcastellar" en Santa Coloma de Gramanent invitis lin prelegi en iliaj respektivaj Societoj.

Okaze de tio, la "Klubo Amikoj de UNESKO", kunlabore kun sia Esperanto-Fako, aranĝis publikan debaton en la internacia lingvo sekve tradukitan en la katalunan pri la temo "Esperanto kiel lingva kaj socia movado". Amaso de ĉeestantoj —precipe gejunuloj— atente sekvis la paroladon de Giorgio Silfer.

La prelegento skizis la ĉefajn trajtojn de la Esperanto-komunumo, ĝian historion, evoluon, internajn fortojn kaj nunajn tendencojn. Li emfaze ankaŭ atentigis la publikon pri la kunlaborado kaj identeco de UEA kaj UNESCO en la similaj celoj.

En la aliaj societoj li prelegis pri "Itala folkloro". En "Stelo de Paco" la danca stabo "Esbart Comtal", post la prelego, prezentis al la publiko kaj honore al la preleganto aron da tipe katalunaj folkloraj dancoj kaj kantoj.

En ĉiuj okazoj iĝis karakteriza la amasa partopreno de ne esperanto-parolantoj kaj de reprezentantoj de katalunaj kulturaj societoj, kiuj —danke al la tuja tradukado povis sekvi la prelegojn.

Je la fino de la disertacioj Giorgio Silfer prezentis al la ĉeestantoj siajn du lastajn verkojn: "Drole kaj Petole" kaj "Doktoro Rosales". Ĉi lasta teatraĵo estis enpremiere ludita okaze de la 29-a TEJO-Kongreso.

---

(1) LITERATURA FOIRO. dumonata; eld. literatura rondo «La Patrolo», via Pantano 17, I-20122 Milano. Italujo.

*MADRID*

## NOVA ADRESO

La Liceo Madrileño de Esperanto havas novan sidejon kies adreso estas: strato Hortaleza, n.º 31, 2.º MADRID-4.

La klubanoj kunvenas ĉiutage de la 7-a ĝis la 9-a vespere.

*MIERES*

En la Casa de la Juventud de Mieres, celebraron una reunión de final de curso, los esperantistas asturianos, a la que asistieron representaciones de Oviedo, Gijón, Avilés, El Entrego y de la comarca del Caudal. No podía faltar a esta reunión el flamante y nuevo Grupo Esperantista de Ujo, del que acudieron numerosos miembros con su Presidente señor Fidalgo al frente, y en representación de la Directiva del Tele-Club de Ujo les acompañaba D. Carlos Alvarez del Río, que tanto viene aportando en favor del idioma universal Esperanto.

La mayor parte de los asistentes llegaron acompañados de sus respectivas esposas, que previamente habían sido invitadas. Por tal motivo la representación femenina era destacable.

Tras los saludos de bienvenida y presentación de los nuevos esperantistas, se pasó a la sala donde había de celebrarse la reunión, ésta era el aula donde el Grupo Esperantista de Mieres lleva a cabo sus enseñanzas de Esperanto, y que está dotada de todo lo necesario para que las clases puedan celebrarse con toda comodidad, tanto para el profesor como para los alumnos. El retrato del Dr. Zamenhof que preside el acto es un dibujo hecho a lápiz por nuestro compañero Sr. Brid.



**El Sr. Cienfuegos, presidente del Grupo Esperantista de Mieres, saluda a los reunidos**

Preside esta sesión el Sr. Cienfuegos, a quien acompañan en la mesa los señores González Meana, de Oviedo; García, de Avilés, y Ardura de Mieres.

Tras un breve saludo a los asistentes, se pasa de lleno a tratar los motivos por los que se ha convocado esta reunión.

En primer lugar se da a conocer la marcha del Esperanto en Asturias. Los representantes de los Grupos exponen más bien problemas que ayudas para dar solución a la dificultad que representa la diseminación de esperantistas por diversas localidades, ya que encontrándose aislados e incluso no conociéndose unos a otros, como ocurre en muchos casos, no se puede hacer una labor coordinada, por lo que se considera imprescindible el celebrar con cierta periodicidad estas reuniones regionales.

El Sr. Alvarez, de Luarca, al no poder asistir se manifiesta en el mismo sentido por carta.

Seguidamente se expone a los asistentes la forma y conveniencia de que todos organicen en sus respectivas localidades reuniones de esperantistas con carácter provincial como lo viene haciendo el Grupo de Mieres, para de este modo dar a conocer la marcha del Esperanto y que esta sea siempre progresiva. La idea es bien acogida por todos, y es de esperar que por lo menos los distintos Grupos la lleven a la práctica, pues la provincia es grande y solo el Grupo de Mieres para llevar a efecto las reuniones es poco.

Finalizada la sesión los asistentes pasaron a otra habitación donde fueron obsequiados por nuestro Grupo con un Vino de Honor. Allí, entre "pinchos" y buen vino, se hacían promesas de secundar al Grupo de Mieres.

Muy complacidos de la atención tenida para con los asistentes, estos pasaron a continuación al Salón de Actos de la Casa de la Juventud, donde presenciaron la proyección de las películas de los Congresos celebrados en Valencia y Vigo. Antes de la proyección de dichas películas se sortearon, entre los asistentes, varios obsequios donados gentilmente por algunas casas comerciales de nuestra villa.

Como final, el joven monologuista de Ujo, Sr. Franco, nos deleitó con uno de los de su repertorio, que fue celebrado y largamente aplaudido por los asistentes.

Llegó el momento de la despedida con la alegría y satisfacción en todos por haber tenido este encuentro, por el agradable ambiente en que se llevó a efecto y por las atenciones que les dedicó nuestro Grupo; por ello, todos se despedían con un "ĝis baldaŭ" y nosotros añadíamos: "ĉiam antaŭen!".

*S. M. Ardura* Mieres, 1973.

---

## RESULTADOS DE LOS EXAMENES DE ESPERANTO QUE CON MOTIVO DEL XXXIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO SE CELEBRARON EN EL PALACIO NACIONAL DE EXPOSICIONES Y CONGRESOS DE MADRID EL 24 DE JULIO DE 1973

La comisión examinadora constituida por los señores:

D. Jaime Aragay Pujols y D. José M.ª González Aboín

ha notificado a esta Secretaría los siguientes resultados.

Aprobaron el curso elemental (KAPABLA ESPERANTISTO) los siguientes congresistas:

D. Santiago Mulas Gallego, de Gijón.
D. Jaime Canoa González, de Vigo.
D. Miguel Angel Altuna, de Bilbao.
Srta. Magda Clerch Regull, de Sabadell.

Lo que hago saber para conocimiento de los interesados y a efectos subsiguientes.

Madrid, 6 de septiembre de 1973.
*Manuel Figuerola Palomo*
Secretario de la Federación
Española de Esperanto

# FRANCA-HISPANA RENKONTIĜO

Lastan jaron la 4-a hispana-franca renkontiĝo okazis en PAU. Malgraŭ malbona vetero, ĉiuj partoprenantoj entuziasmigitaj de la gaja kaj ege simpatia etoso, promesis al si ne forlasi la okazon ĝui similan renkonton en Hispanujo.

Ĉi jare niaj amikoj de Bilbao organizis la 5-an renkontiĝon, kaj ili pravigis la famon, kiu en Francujo diras, ke la hispanoj estas gastemaj. Do ni alvenis al Bilbao vendredon 29-an de Junio posttagmeze en la luksa hotelo Aranzazu. En la halo mem de la hotelo ni renkontiĝis kun multaj geamikoj alvenintaj el Barcelona, Gerona, Zaragoza, Pau, Epernay, Verniolle. Oni facile imagas la plezuron revidi la jam konatajn kaj konatiĝi kun la ceteraj. Post iom da ripozo ni iris kune al la sidejo de la loka esperantista grupo. Tie oni akceptis nin ege korece kaj post prezentado de la novalvenintoj, okazis la arta programo. Tiam, Sinjoro BRINGAS klarigis al ni, ke pro malhelpo, la teatra prezentado ne povis disvolviĝi kiel la grupestraro antaŭkalkulis, sed li mem diris skeĉon titolitan "La puldresisto". Tiu skeĉo estis tre sprite kaj subtile prezentita. Poste, ni havis la plezuron aŭskulti blindan pianiston, kiu regalis nin per bone elektitaj verkoj de Chopin, Théodoro Lack, Albéniz... Poste la granda salono estis rapide transformita: la seĝoj anstataŭigitaj per longaj tabloj sur kiuj kuŝis multaj teleroj, glasoj, kun variaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj. Ĉu ekzistas pli bona rimedo por interkonatiĝi? Mi opinias ke ne, precipe kiam la tuto estas prezentata en tiel agrabla etoso. Mi gardos longe en la koro la impreson faritan de iu hispana junulo kiu demandis al mi: Ĉu vere vi estas franco? Post mia jesa respondo li daŭrigis: "mi estas nova esperantisto, kaj por mi, paroli kun vi estas mia plej agrabla okazo ĉar vi estas la unua alilandano al kiu mi povas libere alparoli". Tiu parolado faris al mi mildan impreson ĉar ĝi bonege respegulas la senton de vera "samideano".

La morgaŭan tagon, post ripoziga nokto, ni estis oficiale akceptitaj de la reprezentanto de la urbestrino. Post kelkaj bonvenigaj vortoj de la vicurbestro, fraŭlino Inés GASTON respondis en la nomo de ĉiuj.

Post komuna tagmanĝo ni vizitis la muzeon de Vizcaya; vizito tre interesa pro multaj malnovaj iloj, desegnaĵoj, surŝtonaj skribaĵoj. Kaj ĉiam kune, ni vizitis la industrian foiron en kiu la budo ESPERANTO estis do subite superŝutita de kvindeko da interesatoj...

La dimanĉon, lastan tagon de nia restado, dum la mateno ni veturis per aŭtobuso al Guernica. Trapasante la ĉirkaŭurbon ni konstatis kiom da uzinoj laboras kaj elĵetas tro multe da fumo kiu nigrigas la domojn kaj malebligas tute ĝui la belan pejzaĝon. Sed feliĉe, tuj post tiu prema impreso, nia aŭtobuso trairis ege agrablajn verdajn montetojn plenajn je abioj. Kaj baldaŭ ni malkovris la marbordon tute dentumitan.

En Guernica, antaŭ la vizitado de fama groto, ni havis la plezuron admiri la lertecon de vaska junularo, kiu dancis kelkajn lokajn dancojn laŭ la sono, de fluto kaj tamburino. Post la tre interesa vizito de la grotoj, oni kondukis nin en grandan salonon de restoracio por apoteozi la finon de la renkontiĝo. Tie ni partoprenis en memorinda bankedo. Mi ne aŭdacas citi la pladojn timante forgesi certe unu el ili. Je la fino de la bankedo ni havis la plezuron trinki bonegan ĉampanon "VERDA STELO" kun la etikedoj tute skribitaj esperantlingve. Fine post multaj kantaĵoj ĉu hispanaj, ĉu francaj, ni disiĝis kun granda ĝojo en la koro, jam pensante pri la venonta renkontiĝo en Francujo en la jaro 1974-a.

Mi deziras gratuli kaj danki S-ron BRINGAS kiu permesis al mi retrovi perditan objekton, kaj ankaŭ la tutan grupon de Bilbao, kiu organizis la aferon kontentige por ĉiuj partoprenantoj.

R. PONS

Verniolle (Francujo)

# V.ª FRANCA-HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Tra diversaj vojoj, la 29-an de junio, francaj kaj hispanaj esperantistoj alvenis al Bilbao, kie, tiun tagon, komenciĝis la Vª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo.

Iom ripozinte en la hotelo, ni kunvenis en la sidejo de la Grupo Esperantista de la ĉefurbo de Vizcaya; alloga ejo situanta en la centro de la urbo kiel unuigilo de la nova kaj la malnova "choco vizcaino".

Dum la tago, en tiu ejo oni vivis malkvietigajn horojn, kiuj estis pli kaj pli emociaj laŭ la salutado kaj ĉirkaŭpremoj de franca-hispana frateco, kunfandiĝintaj en la ardo de la espero de nova renkontiĝo.

En la klubejo akceptis nin la estraro kaj membroj de la Grupo Esperantista de Bilbao.

Oficiale malfermis la solenaĵon la Prezidanto de la Grupo, S-ro de Izaguirre, kiu per simplaj sed ege afablaj vortoj deziris al ĉiuj agrablan restadon en la urbo. Nome de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio dankis pro la akcepto kaj donacis al la Grupo la memorigan medalon de Fundación ESPERANTO, F-ino Inés Gastón, kiu reliefigis la signifon de tiuj renkontoj francaj-hispanaj, ŝi atentigis kiel, ĉar oni konsideras Bilbao-n enirejo al nia najbara lando, ĝi estis elektita por en ĝi celebri nian ĉijaran kunvenon; kaj kiel, honore al la najbara frateco inter bearnanoj kaj altaragonanoj fortikiĝis tiuj kontaktoj kaj kunvenoj al kiuj ŝi kore deziris ĉiam pli kaj pli ampleksan daŭron.

Tuj sekve, la ĉeestantoj ĝuis la bonegan prezentadon de monologo "La pulo", fare de nia amiko kaj samideano S-ro José Luis Bringas. La monologo, kiu estas ja sprita laŭ sia teksto kaj la perfekta interpretado de nia amiko plezurigis la publikon, kiu tondre aplaŭdis je la fino.

Kompletigis la programon belega koncerto de piano fare de nia samideano Majstro Leoncio García, kiu ludis klasikajn verkojn. Varmaj aplaŭdoj premiis lian intervenon. La pianisto fine regalis nin per la interpretado de "La Espero".

La junularo aliigis la salonon en akceptan salonon, kie oni servis lunĉon laŭ la norda stilo, per kiu regalis nin la Grupo Esperantista de Bilbao.

La renkontiĝoj ĉiam okazis kie ili naskiĝis, je la ombro de la granda ĉeno de la Pireneoj. Foje en ĝia Norda flanko, la hispana, tiel impresa per la grandeco de siaj montoj, ke ni, nur sukcesas vidi en ili, sencon de povo; foje, en la franca flanko, kie, la milda pluvo de l' vesperiĝo, reliefigas la verdan koloron de ĝiaj kampoj kiel plian simbolon de reciproka esperantismo.

Unu plian fojon ĉiuj deziris interparoli, saluti unu la alian kaj kunfandiĝi en la Zamenhofa idealo, por realigi bonan najbarecon, plej bonan amikecon kaj unuecon en nia intelekto; ne pro regionaj celoj, sed pro tiu malnova proverbo kiu diras: "hundo kvieta ne trovas oston", ni, kiuj nur pensas pri la disvastigo, almenaŭ havas la esperon ke oni komprenu nin, ĉar ni agas grave, brile kaj sindone, kio estas amo en la renkonto.

*30-an de junio.* La samideana frateco elmontriĝis same kiel en Pau; tie, hispanaj esperantistoj donacis sangon en franca Hospitalo; en Bilbao, pluraj francaj samideanoj fordonis sangon en la Sankta Civila Hospitalo.



**Gefratoj Clarianas kaj Buesa plej junaj renkontiĝantoj**

Dum la mateno, oni vizitis la urbon en diversaj grupoj, kiuj disiĝis laŭ diversaj direktoj, unuj sub la ardo de la "Altos Hornos", aliaj sub la forto de la "Jota" (Ĥoto) aŭ la firmeco de la homoj de la "Charca de Alcañiz", kiuj unuafoje partoprenas en esperantista aranĝo. Kiam oni vidas ilin agantaj kun la ardo de sia juneco, naskiĝas iluzio kaj fido en ĉi tiu venkanta generacio, bona, gaja kaj sufiĉe preparita de la respektivaj Esperanto-kluboj.

Je la 12-a, en la Urbodomo, ni estis oficiale akceptitaj de la Vicurbestro, S-ro Barbier. Post tre afablaj salutoj dum kiuj li ekskuzis la neĉeeston de la Urbestrina Moŝto S-rino Pilar Careaga pro la ĵusa triumfo de la teamo "Atletic de Bilbao", en la konkurado por la pokalo de la hispana futbalo, li eldiris veran lecionon pri la progresado de la nenaturaj lingvoj, el kiuj Esperanto estas la nura kiu daŭras kiel vivanta lingvo. Li reliefigis kaj speciale dankis la ĉeeston de la francaj samideanoj kaj deziris al ĉiuj agrablan restadon en la urbo. Respondis la saluton kaj dankis la akcepton F-ino Inés Gastón, Prezidantino de Hispana Turisma Esperanta Sekcio.

La Magistrato de Bilbao regalis la renkontiĝantojn per "hispana vino": frandaĵoj, refreŝigaĵoj, ktp.; la akcepto daŭris kelkajn minutojn en agrabla kunestado kun la urbaj regantoj, al kiuj S-ro Raymond Pons nome de la francaj samideanoj dankis la afablan akcepton.

Posttagmeze en du grupoj ni vizitis la Historian Muzeon de Vizcaya, kies Direktoro, D-ro Mario Grande afable montris ĝin al ni, kaj klarigis per detala resumo ĉion kio estas kolektita en tiu "juna" Muzeo, kies celo estas prezenti en proksima estonto, ĉiujn manifestiĝojn de la arto, civila kaj religia, same kiel oni vivas kaj ludas en Vizcaya.

Fininte la viziton, kolektive, ni translokiĝis al la Internacia Specimena Foiro, kie ni povis admiri la lastajn teknikajn progresojn en la ekspoziciantaj landoj; en ĝi ni vizitis la budon "Esperanto", tre bone lokita, kie pere de libroj kaj broŝuroj, okulfrapa propagando prezentiĝas klare kaj grafike, pri la atingoj kaj disvasteco de la internacia lingvo.

*1-an de julio.* Ekskurso al Guernica kaj vizito de la kavernoj de Santimamiñe, kiuj situas en la koro de la paleolitika arto kaj konsiderataj kiel unuj el la plej bonaj "sanktejoj" en tiu ĝenro. Kaverno tri Km. longa, kvankam nuntempe nur unu estas vizitebla. Ĝi situas en la valo de Guernica, en la monto Ereñusarre, prezentas konusan profilon, kaj trejnas niajn krurojn per la supren-kaj-malsupreniro de siaj multnombraj ŝtuparoj. Malsupren, la ermitejo de Santimamiñe kaj la kampodomo Lezika.

En la kaverno, en unu el ĝiaj "ĉambroj", ni admiras kuriozajn pentraĵojn, kiuj reprezentas bizonojn, taŭrojn, ĉevalojn, ursojn, aprojn, cer-




Ripoziga momento en la ĝardenoj de la Specimenfoiro

vojn... kiel transsendo de primitivaj homoj, kiuj testamentis al ni siajn arton, mesaĝon kaj amon al la naturo pere de la plej interesa el la grafikaj formoj. Entute, la kaverno estas ĉeno da "ĉambroj" en kiuj ni povas admiri la plej variajn figurojn el kalciaj saloj, kiuj ĵongle lumigitaj prezentas eksterordinarajn perspektivojn.

La Bilbao-a junularo kore venigis nin al sia nova arta muzeo, sia foiro... ni devis montri al ili ion pri nia trairo, por ke iel enradikiĝu multaj el tiuj aĵoj, kiuj silente okazas. Elirinte el la kaverno ni vidis sidanta apud la balustrado s-inon Victoriana Bueno, "nia Vito", kaj rigardante ŝin ni konsciis kiel ekzemplodona estas ŝia praktikanta esperantisteco, ĉar nepovante, ŝi iris supren sur tiom da ŝtupoj, eble impulsite de la forto de siaj samideanoj aŭ de la suko de Cheste, kaj, kial ne? kun la espero ke, je tiu alteco kaj antaŭ la naturo estu pli intima la kontemplado kaj pli profunda la silento. Por supreniri oni bezonas la koron, por descendi amika brako aŭ la propra impulso sufiĉas.

Du grandaj ekzemploj kunfandiĝis; la kaverno kiel esprimo de arto, sendanta mesaĝon de beleco, fideleco kaj ĉeesto de la primitivaj homoj, kiuj per siaj fortaj trajtoj, deziris universaligi tion, kion ili unuece, ne kapablis transsendi, kaj la strebo de tiuj, kiuj per longa irado tra Esperanto, konsiderata universala celo aldonis sian sableron per sia penado.

La adiaŭa tagmanĝo okazis en Guernica, bedaŭrinde, oni ne bone kalkulis la tempon kaj ni ne povis viziti la urbon. La etoso estis kvazaŭ de universaleca rito; ĉiu elmontris sian bonan agemon kaj plej bonan komplezemon; la nuntempaj gvidantoj de la Esperanto-movado vidis la junularon tre preta por agado, kaj la fino estis simpatia tosto direktita al la junularo, kiun ni konsideras inda kondukontaro de la vera esperantista idealo.

Ke la mara pordo de Bilbao kaj la voko de ĝia tamburino estu kapablaj, kiel la Arbo de Guernica, kverko sub kiu la popolreprezentantoj kolektiĝis celante liberecon, alporti forton por ke la komuna saĝo estu la kverko de la libera vojo al la interkompreniĝo, por ke la verda stelo brilu en la kvin kontinentoj, evidenta signo de la universaleco de la lingvo de Zamenhof.

*Joaquín Bielsa*



La gejunuloj gajigas nin per siaj kantoj kaj dancoj.

## SIMILECO DE ESPERANTO KUN LA HISPANA KAJ KATALUNA LINGVOJ

PARALELO (Hispana - Esperanto)

Rikardo, eksperto aŭtomobilista kolombiano, profesor' de l' Instituto de l' Motor', en aktiva labor' de lavado de l' kamion' de l' esperantista hispano Bernardo, ekssekretario de l' Liceo de Esperanto de Madrid.

Teksto de V.H.Ll

Sabadell

PARALEL' (Kataluna - Esperanto)

Part' de la foto en kolor' de l' akcident' de mort' en alta mar', al sud' de l' Golf' Persa— de l' inspektor' de la Universitat' de Oviedo, doktor' Artur', amik' de l' direktor' de l' Sindikat' de l' Transport', l' advokat' Tomas'.

Tekst' de V.H.Ll

Sabadell

## CARMEN MAYMI GUILLAMET

La 25-an de julio forpasis en Gerona, nia samideanino Carmen Maymí Guillamet.

Malnova kaj entuziasma esperantistino ŝi multe aktivis en la Grupo "Gerona Espero", estante unu el la plej efikaj kunlaborantoj en la bonfara esperantista entrepreno, Gastigo de Aŭstriaj Infanoj en Hispanujo; ŝi apartenis al la Organiza Komitato de la IX.ª Kongreso de Esperanto organizita de la Kataluna Esperanto-Federacio en Gerona, en la jaro 1921.ª. Nuntempe, ŝi estis membro de Hispana Esperanto-Federacio kaj kiam la esperantistoj de tiu kataluna provinco deziris reorganizi la movadon en Gerona, nia elstara samideanino —malgraŭ sia alta aĝo— plene apogis la agadon de la tieaj samideanoj.

Pacan ripozon al ŝi!

Por ŝia fratino, nia samideanino, F-ino Dores Maymí Vualart, nian plej sinceran kondolencon.

## ACUERDOS Y RESOLUCIONES DEL XXXIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

ACUERDOS:

1. Aceptar, en principio, que el Grupo Esperantista de Valladolid organice el XXXIV Congreso Español de Esperanto en Burgos o Valladolid.
2. Que prosiga por un nuevo período de cuatro años la actual Junta Directiva de la Federación Española de Esperanto, con los cambios que las circunstancias lo exijan.
3. Que se constituya una Comisión Nacional de Exámenes en Esperanto.
4. Nombrar a D. Camilo Veiga Prego socio de honor de la Federación Española de Esperanto.

RESOLUCIONES:

I. Insistir cerca de los Ministerios de Educación y Ciencia y de Información y Turismo sobre las resoluciones aprobadas en el XXXII Congreso Español de Esperanto en Vigo.

II. Enviar telegramas de saludo con ocasión del XXXIII Congreso Español de Esperanto a sus Excelencias el Jefe del Estado y el Príncipe de España.

### DONATIVOS PARA BOLETIN - 1973

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... ... | 670,— | ptas. |
| A. Costa (San Mateo - Ibiza) ... | 25,— | » |
| Amalia Núñez (Pamplona) ... ... | 150,— | » |
| Antonio Criach (Barcelona) . ... | 500,— | » |
| Juan Sala (Sabadell) ... ... ... ... | 100,— | » |
| Fernando Costa (Portugal) ... ... | 80,— | » |
| Rafael Blanes (Alcoy) ... ... ... | 80,— | » |
| Pedro Nuez (Barcelona) ... ... ... | 760,— | » |
| S. Arizmendi (Eibar) ... ... ... ... | 150,— | » |
| Esperanto-Klubo Payá (Mislata) . | 970,— | » |

Ana M., 10; Vicentita, 10; Susi, 10; Cele, 10; Reme, 10; Juanita, 10; Pilarín, 10; Lolín, 10; Margarita, 10; Pilar, 10; Delfina, 10; Josefa, 10; Amparito 10; Amanda, 10; Conchín, 10; María, 10; V. Peña, 10; Rosita, 10; Carmen, 10; Ramonet, 10; Juanito, 25; José, 50; Mateu, 25; Modesto, 50; Ruiz, 25; Félix, 25; Lozano, 15; Roberto, 100; Ballester, 25; Joel, 25; Jesús, 10; Alafont, 15; Párraga, 10; Forés, 25; Albero, 10; Forés (elec.), 25; Felipe, 15; Giménez, 30; Alcantarilla, 25; Neveses, 25; Maroto, 25; Juares, 25; Julio, 25; Tonet, 10; Leopoldo, 25; Pascual, 25; Cafalá, 10; Vicente, 20; Ruz, 50.

3.485,— »

## *HISPANA LIRIKO*

Miguel Hernández *(1910-1942) naskiĝis en Orihuela (Alicante), en malriĉa familio; kiel poeto, lia lirika voĉo apenaŭ havas rivalon en la hispana parnaso. Li travivis krizan epokon de Hispanujo —la jarojn de la fratmilito— kaj la tiamaj cirkonstancoj faris lin venkito, kondamnito, malliberulo kaj neresanigeble malsana. Li atendis, kaj akceptis, la morton kun stoika spirito, sed lia fido kaj espero je la homaj valoroj, tamen, neniam tute estingiĝis.*

*Eterna Ombro*

Iam mi kredis: la lum' estas mia,
sed mi en ombron profundan ĵetitas.
Braĝo suneca, kontento radia
lume, bolŝaŭme, dezire krepitas.

Sango leĝera kaj ronda tumultas:
arda, pur-blanka, senlima sopiro.
Lumo la lumon ekstere sepultas.
Al mi nur ombron provizas la brilo.

Nure nur ombron. Sen sun' kaj ĉielo.
Spacoj. Estaĵoj. Kaj korpoj tuŝeblaj
en la nefluga kaj stagna aero
kaj en la arbo de revoj neeblaj.

Nigraj pasioj, mienoj teruraj.
Ruĝe sin kovri la dentoj jubilas.
La absolutaj rankoroj obskuraj.
Al blindaj putoj la korpoj similas.

Mankas la spaco. Forsinkis la rido.
Jam ne plu eblas al alto sin ĵeti.
Volas la koro, kun pli da rapido
l' ombrojn grandigi, en ilin impeti.

Karno sennorda iranta lavange
al la tenebro sterila, horora.
Ĉu trainvados la sun' lumolange?
Sed ne aperas eĉ spuro aŭrora.

Nure la lumo de pugnoj ekscesaj
kaj de embuskaj dentar-horizontoj.
Ĉie la dentoj kaj pugnoj agresaj.
Pli ol la manoj fermiĝas la montoj.

Lukto sen morgaŭ nur estas mizero.
Diste, opaka batado de koroj!
Mi estas unufenestra karcero
fronte al granda soleco da roroj *.

Mi aŭdas tra mi, aperta fenestro,
iri la vivon sinistran kaj sombran.
Sed en la lukto ekzistas sun-resto
ĉiam venkanta la denson plen-ombran.

Tradukis: *F. de Diego*

* *roro:* leonbleko.

# 58 KONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO EN BELGRADO

Con la solemnidad acostumbrada se celebró el 58 Congreso Universal de Esperanto.

Como ya va siendo costumbre, la participación española fue bastante nutrida. Además del grupo organizado por la Sección Esperantista Española de Turismo, acudieron por distintos medios, esperantistas de diversas ciudades españolas, siendo satisfactorio para mí el comprobar que el 25 % de los españoles asistentes fuera zaragozano; ello prueba que la actividad de los esperantistas aragoneses da sus frutos.

Cuando el sábado por la mañana llegamos a la Casa Sindical —sede del Congreso—, numerosos esperantistas llenaban el amplio vestíbulo donde estaban instalados los distintos servicios para entrega de documentación, excursiones, etc.

La "Interkona Vespero" tuvo lugar aquella noche en el restaurante "London". Lástima que el lugar elegido para esta primera reunión de los esperantistas no fue muy adecuado, pues al no haber más salón que el comedor, no había sillas ni espacio para poderse sentar a charlar los que habían acudido después de la cena, como ocurría en congresos anteriores, y aun los que habían cenado allí, tuvieron que limitarse a continuar de conversación los cuatro que habían cenado juntos..

La solemne apertura del Congreso tuvo lugar a la mañana siguiente en el gran salón de la Casa Sindical, donde se dieron cita cerca de 2.000 congresistas de 38 países. En el estrado, los miembros de la Directiva de U.E.A. asistentes al Congreso con la representación de la Autoridad yugoslava, Presidente del Comité Organizador del Congreso, etc. En el ánimo de los asistentes, o al menos en el de la mayoría de ellos, pesaba dejando un poso de pena la ausencia del Presidente de la Asociación Universal de Esperanto Prof. Dro. Ivo Lapenna.

Dividido por pausas musicales perfectamente ejecutadas, el programa se desarrolló según el orden establecido a lo largo de los años. En nombre de la Federación Española de Esperanto saludó el Vicesecretario de la misma, Sr. González Aboín.

El discurso inaugural lo pronunció el Dr. J. C. Wells, siendo largamente aplaudido.

Como de costumbre, nuestro himno "La Espero" puso punto final a la solemne sesión de apertura.

A las 5 de la tarde se celebraron los Oficios de K.E.L.I. y de I.K.U.E. Nosotros asistimos a la misa organizada por I.K.U.E. y que tuvo lugar en la Iglesia de los Padres Jesuitas. La misa, que se celebró en Esperanto,



S-ro Takeuchi y esperantistas españoles, ante la Casa Sindical, sede del Congreso

fue concelebrada por ocho sacerdotes de distintos países.

Terminó el día con la presentación de la "Jugoslava Vespero". El variado y brillante folklore yugoslavo entusiasmó al público asistente, que aplaudió largamente todos los números.

Durante la semana fueron celebrándose las dos reuniones generales de U.E.A. y las del Comité de la Asociación, así como las reuniones de las diversas organizaciones internacionales especializadas.

El tema a tratar en la segunda reunión general de U.E.A. —la primera se dedica a tratar la Memoria presentada por la Directiva— fue "Lingva egalrajteco en teorio kaj praktiko", hizo que la sesión estuviera muy concurrida, resultando verdaderamente interesante, como también lo fue la sesión debate celebrada en el mismo día, en la que el tema a discutir fue: "Ĉu Esperanto povas sukcesi sen lokaj grupoj?". En la primera sesión el tema fue presentado por el Dr. J. C. Wells y en la sesión debate por los Sres. E. J. Woessink y G. Becker.

Las conferencias pronunciadas en el cuadro de la Universidad Internacional de Verano, como de costumbre, acapararon la atención del público asistente. Lástima que —también como de costumbre— este no fue muy numeroso.

Este año en el Concurso Literario tampoco han podido adjudicarse todos los premios, a pesar de que según se dijo al proclamar los resultados, en general los trabajos habían alcanzado más alto nivel. Para el Concurso de Oratoria hubo tres premios y los tres se adjudicaron.

La conferencia de Ronald Dupuis, "Rondvojaĝo tra Francujo", muy buena; fue ilustrada musicalmente y por medio de diapositivas. Sabiendo el gran pianista que es, Ronald Dupuis, no es de extrañar que la sala estuviera llena y que gran salva de aplausos premiara la labor del artista.

La recepción en el Ayuntamiento tuvo lugar el 31 de julio de una a dos y media de la tarde; a ella asistieron 300 invitados. De España asistió el Sr. González Aboín, Vicesecretario de nuestra Federación.

El baile al igual que todos los años estuvo muy animado y tuvo lugar a continuación del banquete oficial en los salones del hotel "Metropol".

La representación teatral de este año, así como la "Varia Vespero", han sido de bastante bajo nivel.

Las excursiones todas interesantes. Nosotros fuimos a Novi Sad; acudieron a recibirnos a la llegada de los autocares los esperantistas de allí, quienes nos acompañaron en la visita a la ciudad. Aparte de las excursiones, todos los días, mañana y tarde, es-



**Esperantistas zaragozanos en la confluencia de los ríos Sava y Danubio. Al fondo la Casa del Pueblo.**



Grupo de congresistas en Novi Sad

tuvo organizada la visita a la ciudad de Belgrado.

Llegó el final del Congreso, y el sábado 4 de agosto por la mañana, tuvo lugar la sesión de clausura del mismo, que al igual que la de apertura se desarrolló según la costumbre, pero al llegar el momento de la entrega de la bandera del Congreso hubo la novedad de que en representación del Comité Local Organizador del 59 Congreso Universal de Esperanto que ha de celebrarse en Hamburgo el próximo año, recibió la bandera un muchacho de unos 14 años, Thomas Bormann, quien con gran tranquilidad y clara dicción saludó a los asistentes al acto e invitó para el próximo Congreso, en nombre del Comité Organizador que representaba. El acto resultó verdaderamente simpático.

Tras las palabras de ritual con las que el Presidente dio por clausurado el Congreso, el canto de "La Espero" por todos los asistentes puestos en pie, puso punto final al 58 Congreso Universal de Esperanto.

*Ines Gastón*

Por no haber habido este año servicio de fotografía del Congreso, solo una de las fotos presentadas pertenece a los actos oficiales.



El jóven Thomas Bormann recibe la bandera congresal

# MONOLOGO DE AKTOR' EN TEATRO

Ĉiu esperantisto volus esti poeto. Kial? Profunda demando! Mi ne volas hodiaŭ ĝin respondi. Mi nur volas montri, ke verki esperantajn versaĵojn (aŭ pli bone, versaĉojn... aŭ pli bone ankoraŭ, versaĵaĉojn) estas, por la hispanaj esperantistoj, tre facila afero. Ni vidu!

Kial, lernanto, tion barakti
kaj kial ŝviti, kial, sinjor'?
... Ĉiam vin gvidos, ĉiam vin helpos
la blanka mano de l' profesor'!

Neniu plendu, neniu larmu...
Ke ne ŝanĝiĝu via kolor'!
... Ĉiam vin ŝirmos kaj vin protektos
la blanka mano de l' profesor'!

Se iu diras, ke malfacila
estas la lingvo, lin sendu for!
... Ĉar vi komprenas, kiam mi diras:
"La blanka mano de l' profesor'!"

---

Al ĉiu lernanto
de la Esperanto
mi montros, jubila,
ke la versfarado
(verso-fabrikado)
estas tre facila.

(Estos versoj ne tro belaj...
Sed tre klaraj, preskaŭ helaj!)

Kaj nun:
  Sub la luno,
    Sub la steloj,
      Sub la nuboj,
        Sub la sun'...

Silentu!
Aŭskultu!

Polvo de l' Parnaso,
Te' de l' samovar'.
Petardo de l' banko,
Serena la mar'!

Radar':
Altar'!
Gas'! Gas'!!
Dolor', doktor'!!!

Oro, metal'...
Pantalon' de l' mormon'!
Salon'...
(Pudor' de l' redaktor')

La sal', la sal'...
Eterna flor'
de l' direktor'!

Lago, pino; vino, pan'...

---

Marta mia:
saltas, lavas, amas, kantas...
Ke tia...

(Pardonu!
... ke tia virino
kiel mia Marta
troviĝos neniam...)

Melon', mulo, leon'... moskito de l' kanal'... FIN'.

Ekzercoj:

Unua: Nur por komencantoj (se ili ekzistus). Kiom da vortoj vi komprenis? Diru proksimuman nombron.

Dua: Por ĉiuj (la grandgrandaj amasegoj). Kiom da tomatĵetbatoj mi meritas? Diru proksimuman nombron.

Tria: Nur por kleregulоj (kiuj gorĝsufokas la teruritan Esperantistaron). Kiom da gramatikaj eraroj mi faris? Kie? Kial? Donu proksimuman nombron.

Kvara: Nur por junaj virinoj (belegaj, belaj aŭ beletaj). Ĉu vi havas telefonon? Donu ekzaktajn ciferojn!

Mi vin konsilas: agadu ĉiam pli ŝerce

OL AVIDE

# OFICIALA POSTKONGRESO EN ATENO

Estis jam noktomeze kiam ni alvenis al la Studenta Domo de la Nacia Organizo Reĝo Paŭlo, (pro neatenditaj okazintaĵoj nia flugo prokrastiĝis kvin horojn), tial nia unua kontakto kun la esperantistoj okazis lundon matene. Verdire, tiu tago estis la vere unua tago de la Postkongreso. La 5-a de aŭgusto estis necesa por la translokigo de la partoprenontoj.

Ĉar la inaŭgura kunveno de la Postkongreso estis anoncita por la 18,30ª h. ni profitis tiun matenon por viziti la urbon.

La malnova palaco de la reĝo Othon, nuntempe Parlamentejo, estas impona konstruaĵo, kiu dominas la placon Sintagma (Konstitucio), centro de la urbo. De tiu placo, ni komencis detalan vojiron tra diversaj stratoj, laŭ la urba karto, por koni la situon de tiom da vidindaĵoj, kiujn ni deziris detale viziti dum la sekvantaj tagoj.

Kiel programite, vespere, ĉiuj kunvenis en la granda salono de la Studenta Domo, bele ornamita per flagoj kaj floroj, en kiu okazis la Inaŭgura Kunveno. Partoprenis ĝin Lia Moŝto S-ro Linarás, Ĝenerala Sekretario de la Ministerio pri Kulturo kaj Sciencoj, kiu reprezentis Lian Ekscelencon la Ministro.

La Sekretario de Helena Esperanto-Asocio, S-ro Miggas anoncis la parolontojn kaj S-ro Savas G. Tsituride agis kiel tradukisto, same de la Greka al Esperanto kiel inverse.



Postkongresejo



Antaŭ la katolika Katedralo en Ateno

Unuavice, parolis en greka lingvo, Lia Moŝto S-ro Linarás, kiu per tre afablaj vortoj bonvenigis la ĉeestantojn kaj reliefigis la ĝojon de la Ministerio pro la okazigo de la Postkongreso en Grekujo, kies kulturo tiom influis en la universala civilizo. La parolado de S-ro Linarás estis ja interesa kaj kuraĝiga al plua laborado. La postkongresanoj dankis lian partoprenon kaj afablajn vortojn per varma aplaŭdado.

Sekvis la saluto de la Prezidantino de Helena Esperanto-Asocio, S-ino Roksani Manuso; vidante ŝin tiel kvieta kaj sinjoreca, ni nin demandas ĉu ŝi kapablas respondeci pri aranĝo por tiom da personoj, sed, laŭlonge de la tagoj ni konstatas, ke, kvankam ŝi havas bonegajn kunlaborantojn, la animo de la Postkongreso ŝi estas. S-ino Manuso bonvenigis nin dezirante al ĉiuj agrablan kunvivadon. La ĉeestantoj dankis la saluton per kora aplaŭdado.

Alvenis la vico por Prof. Dro. Ivo Lapenna. Tondra aplaŭdado elmontris la ĝojon de la postkongresanoj pro la

ĉeesto de nia Prezidanto, kaj la simpation, kiun li ĝuas inter la esperantistoj.

La parolado de Dro. Lapenna estis kiel kutime, majstra leciono de oratoreco t.e. de inspiritaj konceptoj diritaj per brila tekniko. Longa aplaŭdado premiis lian intervenon.

Sekvis la salutoj de F-ino Kujumtzi, nome de Dro. Margaritej, Prezidanto de Tesalonika Esperanta Ligo kaj de Dro. Katsileros, nome de la geesperantistoj de Tesalio. La ĉeestantoj dankis la salutojn per varma aplaŭdado.

Post la kantado de La Espero ni estis surprizitaj de Lia Moŝto S-ro Linarás, kiu denove salutis la kunvenantojn, sed ĉifoje, en klara kaj perfekte prononcita Esperanto. Tondra aplaŭdado akompanis lin ĝis la eliro de la salono.

Tre simpatia fina punkto por tiu bela aranĝo.

La programo organizita, krom la inaŭgura kunveno kaj du prelegoj, estis turisma.

Plezure ni aŭskultis la paroladon de S-ino Marika Pontika, kiu je la fino de sia prelego estis longe aplaŭdita.

Ankaŭ la prelego de Prof. Dro. Kotitsas pri la temo "La greka kulturcivilizo kaj sia influo al la disvolviĝo de la tutmonda spirito" estis ja interesa; li finis sian disertacion per legado de la poemo "Al la fratoj" de Dro. Zamenhof. Varma aplaŭdado premiis la laboron de Dro. Kotitsas.

Nokte, en liberaera teatro ni ĝuis la belecon de la grekaj dancoj.

Plej agrabla ero de la programo estis la akcepto de la postkongresanoj fare de la Ministerio pri Kulturo kaj Sciencoj. Ĝi okazis la 11-an vespere en luksa salono Pyrgos Athinon (Turo de Ateno). Akceptis kaj bonvenigis nin Lia Moŝto



**Internacia Grupo dum la Oficiala Akcepto**



**Sur la ŝipo dum la tuttaga krozado**



**Dum la vizito al la akropolo**

S-ro Linarás, Ĝenerala Sekretario de la Ministerio, kiu kune kun aliaj elstaruloj amike interparolis kaj babilis kun la esperantistoj, dum servistoj per abunde garnitaj pladoj proponis por frando delikatajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn.

Ateno, nuntempe estas granda, moderna urbo, kies konstruaĵoj, feliĉe, ne estas tro altaj. En ĝia arkitekturo distingiĝas tri periodoj klare difinitaj: la antikva, la bizanca kaj la moderna; plej interesa, sendube, estas la antikva.

La vizito al la Akropolo, post aŭtobusa rondveturo tra la urbo, estis ja impresa.

Tre bela la aŭtobusa vizito al la marbordo Saronikos.

Dum la tuttaga ekskurso al Argolido, ni vizitis la antikvajn monumentojn de tiu parto de l' Peloponeso. Miriga estas la kanalo de Korinto.

Tre agrabla estis la tuttaga krozado al insuloj Egina, Poros kaj Idra.

*Inés Gastón*

---

## *Ni legis por vi...*

NE PLU LUDO... kaj aliaj noveloj. Originale verkitaj de N. Barthelmess. Eldono de Sennacieca Asocio Tutmonda. Parizo. 128 paĝoj, 11 × 17 cm. Prezo: 120 ptoj.

Rilate al la originala Esperanto-verkado de S-ro Barthelmess, lia beletra kariero karakteriziĝas per du konstantoj: laŭdo kaj defendo de ia ŝton-epoka socialismo, kaj adoremo al junaj knaboj.

La doktrina enhavo de liaj verkoj konsistas ĉefe el mitingaj retoraĵoj, laŭmodaj antaŭ 45 jaroj, kaj el ŝimaj ideoj pri la sociala arbitro, eble validaj kaj freŝaj en la tempoj de Dickens. Kiel ĉio en la mondo, la socialismo evoluas por teni la paŝon kun la scienco kaj la tekniko, kiuj estas la veraj revoluciaj faktoroj de la homa vivo, kaj por adapti sian dialektikon al novaj fenomenoj aperantaj preskaŭ seninterrompe sur plej diversaj kampoj. Ŝajnas do kortuŝa fidelo al arkaikaj ideoj, aŭ absoluta nekapablo vidi la realon ĉirkaŭe, esprimi, por ekzemplo, la jenan penson (paĝo 107):

"Ne, oni ne forigos la krimojn eĉ per drastaj punoj. Oni elradikigos ilin nur forigante iliajn kaŭzojn: la socian mizeron. Ju pli kreskas tiu mizero, des pli multnombraj estos la 'krimuloj'. Kaj la junularo, pri kiu oni hodiaŭ tiom insultas? Kial do ĝi estas krimema? Ĉar ĝia materia vivobazo mankas."

Ĝenerale, nuntempe deliktas edukitaj gejunuloj apartenantaj al burĝaj, eĉ riĉaj familioj. Do ne temas pri motivoj de socia mizero aŭ de manko de eduko, sed pri io pli profunda, al kio ne aplikeblas la naivaj premisoj de la speciala socialismo de s-ro Barthelmess.

La aŭtoro eltiras la pliparton de siaj argumentoj el arsenalo de rustaj armiloj dialektikaj, kie la vivo fariĝis muzeo de mumioj. Sekve *Ne plu ludo...* elspiras tro da ranca odoro kaj prezentas tro da ŝtoniĝintaj kliŝ-ideoj por la normal-inteligentaj homoj de nia tempo.

Pri la atmosfero de adoremo al knaboj, manifestiĝanta en la originalaj Esperanto-verkoj de s-ro Barthelmess jam de *Juneca ardo* kaj *Vartejoj*, kaj, kiel kutime, densa ankaŭ en *Ne plu ludo...*, mi preferas silenti, ĉar mia instinkto kaj mia estetika sento neeviteble ribelas preskaŭ ĉiupaĝe. Por literature ataki tiajn temojn kaj iel akceptigi ilin al normal-instinktaj gelegantoj, necesas la plumo de veraj artistoj, de iu Shakespeare, de iu Baudelaire, de iu Gide, de iu Pierre Louys, de iu Oscar Wilde. Se tian plumon oni ne posedas —kaj s-ro Barthelmess tute ne posedas ĝin— la rezultanta "efebismo" vekas ĉe la leganto nur senton de estetika ĝeniteco. Jen specimeno, trovebla en paĝo 63:

"Kaj ekzamenante sin de supre ĝis la piedoj, li rimarkas, ke ankaŭ li, Johano Bakfeld, portas nur la malpezan, blankan ĥitonon de la grekaj viroj. Kaj kiam li, en feliĉa konfuzosento levetas la rigardon, liaj okuloj trafas du junajn, viglajn knabojn, kiuj alpaŝas lin kun decidaj paŝoj; elaste kaj gracie ili sin movas, kun mienoj hellumaj, serenaj, akceptemaj kaj donemaj. Ili havas la fizionomion de Celesto kaj Ralfo kaj ili aspektas ĉarmaj en siaj malpezaj kiteloj, kiujn ili nun disfaldas por montri sin brile nudaj. La de la suno brune tanita haŭto, la fortikaj brakmuskoloj plifortigis la agrablan impreson, kiun ricevis la instruisto, vidante siajn disĉiplojn."

*Ne plu ludo...*, eĉ se originale verkita en Esperanto, ŝajnas tro laŭlitera traduko el la germana, ĉar en ĝi abundas ekscese la sinteza aspekto de la lingvo kaj dense proliferas la kunmetitaj verboformoj. Menciindas, ke s-ro Barthelmess estas unu el la famuloj de SAT, ke lian libron lingve kontrolis la literatura komitato de SAT, kaj ke la Plena Ilustrita Vortaro, eldonita de SAT, kondamnas —prave— la "atismon". Tamen s-ro Barthelmess, malgraŭ sia sataneco, ĝissate "atismas" en sia libro. Jen, interalie, du perloj:

> "dekreto *estis publikigata,* kiu ordonis la fermon de ĉiuj lernejoj" (paĝo 52)
>
> "...li soldatiĝis ...cirkaŭ la fino de la monato ...ĝuste sufiĉe frue por *esti malliberigata* ĉe sia hejmo de la usonaj militĝendarmoj." (paĝo 88).

Por legantoj, kiuj ŝatas samtempe rancan socialismon, trivialan efebismon kaj neĝustan uzon de "ata", *Ne plu ludo...* estas sendube la furora libro de la jaro.

*Fernando de Diego*

BONHUMORA INJEKTILO, amuzaj anekdotoj, originale verkitaj de Ergoto de Bonaero. Eldono de la aŭtoro, Buenos Aires (Argentino), 1973; broŝurita, kun ilustrita kovrilo. 192 paĝoj, 12 × 17,5 cm. Prezo: **267 ptoj.**

Ĉi tiu libro estas pliparte kompilo de humuraĵoj verkitaj de la aŭtoro kaj aperintaj laŭlonge de la jaroj en diversaj Esperantaj periodaĵoj. Ĝi enhavas 120 historietojn kaj tre eble plenumos sian funkcion pli malpli distri kaj amuzi la leganton.

Tamen, ĉar la humura sento tre varias laŭ la diversaj popoloj, kaj eĉ laŭ la diversaj individuoj apartenantaj al sama etno, mi imagas, ke la anekdotojn de *Bohumora injektilo* oni ie opinios ege amuza legado kaj tie dormiga tedilo.

Lingve kaj stile la libro estas rekomendinda, kvankam ne mankas eraroj, ŝulditaj eble pli al la malatento ol al la nescio de la aŭtoro. Jen kelkaj el ili:

Paĝo 11: en la unua trajno alvenis grandega kesto... *tentiga* (pli ĝuste: *tenta*).

Paĝo 19: post kiam mi rompis kaj *splitigis* la ungojn de miaj dikfingroj (pli ĝuste: *splitis*).

Paĝo 26: Jam de antaŭ du monatoj, *ke* la teda s-ro Kardono ne vizitis la klubon (pli ĝuste: sen *ke*).

Paĝo 36: senhontulo incitanta nekonatojn *por* kisi min (pli ĝuste: sen *por*).

Paĝo 153: tiu hundo estis fibesto, kiu, kiam en *sia* grego mankis ŝafo (pli ĝuste, *ĝia*).

Paĝo 159: li instalis Ĉulon Ĉitrulon en ĉambreto, kiu staris malantaŭe de *sia* domego (pli ĝuste: *lia*).

Paĝoj 163-4: diversloke *skandala-skandali* anstataŭ *bruanta-bruadi.*

Efektive, temas pri bagateloj. Sed, kun iom pli da zorgo, Ergoto de Bonaero estus povinta elimini ilin.

*F. de Diego*

**LA KRIMO DE L' MILITO, de Juan Alberdi, argentina aŭtoro. El la hispana tradukis Ergoto de Bonaero. Eldono de Argentina Esperanto-Instituto, Buenos Aires, 1973. Broŝurita, kun ilustrita kovrilo. 212 paĝoj, 10,5 × 14,5 cm. Prezo: 180 ptoj.**

Juan Bautista Alberdi naskiĝis en 1810 en Tucumán (Argentina) kaj mortis en 1884 en Parizo. Li apartenas do al epoko, kiam la industria revolucio, kun siaj mirindaj vaporŝipoj kaj fervojoj kaj kun la ĉiuflanke komenca progreso de la scienco kaj la tekniko, kredigis al la homoj, ke ia glora tempo de senĉesa pliboniĝo ne nur materiala, sed ankaŭ morala, levos la mondon al neimageblaj pintoj de feliĉo kaj harmonio.

Juan Bautista Alberdi estas homo penetrita de tiu naiva romantikismo, do ne strange, ke *La krimo de l' milito* montras al la nuna leganto —pli akravida, pli travivinta, pli seniluzie saĝa— aron da meditoj, konsideroj kaj asertoj rilate al la milito, kiuj foje enuigas, foje amuzas, foje vekas admiron ĉe tiel granda dozo da naivo kaj da fido de la flanko de la aŭtoro.

La nuna mondo prezentas tiel radikale diferencan perspektivon ol la mondo de Alberdi, ke la konceptoj de lia libro, pliparte kabinetaj spekulativadoj kaj retorikaj konstruoj bazitaj sur fantomecaj abstraktaĵoj, kiel civilizo, juro, rajto, progreso, "sociama instinkto de la homa familio" ktp., havas apenaŭ intereson, escepte se oni studas ilin de tre specifa vidpunkto historia.

Vole nevole la lego de *La krimo de l' milito* igas nin rideti, kelkfoje iom melankolie, kelkfoje bonhumore, kvazaŭ ni subite vidus preterpasi sur niaj fervojoj la groteskan, tamen gracian, lokomotivon de Stephenson.

Jen, specimene:

"La granda mondpaciganto, post la kristanismo, estas la komerco, internacia kaj universala okupo, kiu kunigas ĉiujn popolojn en unu solan popolon pri aferoj, kiuj pleje ligas kaj proksimigas la homojn: pano, komforto, materiala bonstato" (Paĝo 121).

"Libero estas magia instrumento de unuigo kaj pacigo de ŝtatoj inter si, ĉar popolo nur bezonas esti arbitracianto de sia destino por eviti siajn sangelverŝojn kaj riĉaĵperdon en milito okazigita plejofte fare de krimaj registar-ambicioj" (Paĝo 141).

"Anglatero (tiele!), Nederlando, Usono, kristanaj landoj, estas la unuaj, kiuj transformis la pacon en politikan sistemon, en registaran bazon" (Paĝo 103).

Kaj kion, je la diablo, faras la jena alineo en *La krimo de l' milito* (paĝo 190)? Ĉu ĝi ne sidus pli konvene en *Bonhumora injektilo?*:

"La liphararo estas signo de militisto, ĉar ĝi kaŝas la buŝon, kiu perfidas la kormildecon. La nura forigo de la liphararo jam estus konkero favore al la paco, ĉar la buŝo, kiel telegrafa kor-organo, parolas pli al la okuloj ol al la oreloj. Kompreneble, la liphararo estas deviga dum la militistaj regadoj; ĝi estas koketismo de milito, signo de afabla kaj eleganta sovaĝeco."

En Argentino floras nun potenca, riĉa literaturo, kiu marŝas ĉe la avangardo de la hispanlingva beletro. Kial do oni tradukis en Esperanton ĉi tiun jam delonge kadukiĝintan verkon? Kial oni preferis skeleton al freŝa rozo? Kompreneble, mi ne demandas, sed nur bedaŭras, ke el argentina forgesindaĵo oni faris Esperantan fosilion, kvazaŭ en nia lingvo ne ekzistus jam tro de tiuj verkoj!

Ergoto de Bonaero devis lukti kun la implikoj kaj tordoj de la originalo, sed lia versio ne povis tute eviti la pezon kaj eĉ la konfuzon de la stilo kaj la sintakso de la verko de Alberdi. Krome, kiel en la kazo de *Bonhumora injektilo*, Ergoto ankaŭ ĉi tie peketas kontraŭ la Esperanta gramatiko. Ĉar Ergoto estas kompetenta kaj fervora esperantisto, ni rajtas peti de li pli altkvalitajn verkojn en pli zorge ellaborita lingvo.

*F. de Diego*

D-ro István Nagy havas klaran kaj ĝustan ideon pri la rolo de Esperanto, laŭ tio, kion li skribas en HUNGARA ESPERANTISTO, n.° 6, 1973:

"La lingvon de la teknikaj sciencoj ankaŭ Esperanto devas urĝe evoluigi-Tio estus unuavice tasko de UEA kaj de la Akademio de Esperanto. Sed laŭ nia scio, sur ĉi tiu tereno ĝis nun neniu el la organizaĵoj faris ion; ili lasas la tutan problemon al individua iniciato. Sed la disvastigo kaj akceptigo de Esperanto ne povas esti afero nur de la kotizon pagantaj esperantistoj. Ni devas akiri internaciajn organizaĵojn, sed ne tiel, ke ni klarigadu, ke Esperanto estas tiel bona kaj tiel facila, sed oni metu pruvaĵojn sur la tablon —fakvortarojn kaj faklibrojn— kaj per tio ni pruvos, ke Esperanto estas preta kaj taŭga por ĉi tiu tasko, ĝi estas tuj uzebla, enkondukebla (eble tio estus prefere la tasko de UEA, kaj ne aranĝo de kongresaj baloj kaj bankedoj!) Nia tasko estas la kunmeto de la naciaj vortaroj, unuavice la eldono de Hungara-Esperanta parto, kun ĉirkaŭ 80. —100.000 vortoj. La nunaj vortaroj estas bonaj, konvenaj por la legado, por la korespondado, sed ne por tio, ke ni pruvu la uzeblon de Esperanto "sur ĉiu tereno de la vivo".

—oOo—

De la pola aŭtoro Stanislaw Yerzi Lec kaj en traduko de Jerzy Banacki aperas en LITERATURA FOIRO, n.° 17-18, jaro 4, 1973, fasko da aforismoj, kiuj esprimas en originala maniero la eternajn verojn. Mi ne povis rezisti kontraŭ la tento kopii kelkajn el tiuj aforismoj:

"Malgraŭ ke iliaj vojoj disiĝis, ili kune plu iris: kiel gardisto kaj eskortito."
"Vera malamiko neniam vin forlasos."
"Estu altruisto, estimu egoismon de aliaj!"
"Kunvivo kun nanoj deformas la spinon."
"De la momento de la hom-invento oni plibonigas lin nur per la protezoj."
"Homo venkos. Homon."

—oOo—

Ni legas en INTERLIGILO, n.° 1-2/ 42,42, 1973 ke "estis konstatite, ke (en Japanujo) viroj interparolas por telefono 3-4 minutojn, dum virinoj konversacias ne malpli ol 20 minutojn".

Laŭ simpla aritmetika kalkulo, oni alvenas al la rezulto, ke en konversacio inter viro kaj virino, li parolas du minutojn dum ŝi parolas dek. Kaj certe ne nur en Japanujo...

—oOo—

En *Imperiismo bona kaj imperiismo malbona* (L'ESPERANTO, n.° 6, junio 1973) Vittorio Dall'Acqua diras tre saĝajn vortojn, kiuj meritas profundan atenton. Valoras legi la tutan artikolon, sed ĉi tie mi havas spacon nur por kopii ties finon: "La progreso de nia lingvo kaj de nia movado kuŝas en ilia neŭtraleco, kiu povas garantii homogenan bazon kaj minimuman akordon en niaj vicoj. Esti neŭtrala ne signifas esti indiferenta; signifas konservi tiun mensan sendependecon, kiu permesas juĝon liberan. Esti neŭtrala signifas ne akcepti ian aprioran veron, ne konsideri la faktojn laŭ dogmecaj skemoj, sed kritike, objektive kaj probable pli prave".

—oOo—

Speciale bona estas KONTAKTO de julio 1973. Ĝi temas pri la natura hommedio kaj pri la atencoj kontraŭ ĝi kaj legindas de la unua artikolo ĝis la lasta paĝo. La "inventaro de ekologiaj problemoj" estas klara kaj impresa prezento de la labirinto, kiun formis en la aktuala mondo la interdependenco de la ekologio, la politiko, la etiko kaj la ekonomiko.

—oOo—

Varman saluton al la unua numero de REVISTA PORTUGUESA DE ESPERANTO, junio 1973, 32-paĝa, bele ilustrita kaj presita, kun varia enhavo en Esperanto kaj en la portugala. Ni deziras longan kaj prosperan vivon al la ĵus fondita organo de niaj portugalaj amikoj, kaj elkore gratulas ĝian direktoron, D-ro Alves de Moura.

——oOo——

Ni devas registri la aperon de ankoraŭ alia revuo literatura, ĉi-foje en Argentino: LA TORNISTRO, sub la redakto de Ergoto de Bonaero. La unua numero havas 50 paĝojn kun ilustraĵoj kaj fotoj; sed ĝi ŝajnas nura preteksto por la propagando de la libroj verkitaj kaj verkotaj de Ergoto, ĉar dek paĝoj, t. e. 20 % de la enhavo tamtamas pri ili. Min ege amuzis lia komento (paĝo 19) pri "iu Esperanto-poeto de Hispanio, kies nomon mi ne mencios, kaj kiu recenzante verkojn ŝajnas rabia hundo..." Tamen Ergoto ne povis diri —kaj tio estas la instrua punkto de la afero— ke la mordoj de tiu hundo estas senbazaj aŭ nemotivitaj, kvankam Ergoto mem estas kelkfoje la mordito. Kiam Ergoto de Bonaero verkos ion neriproĉeblan kaj laŭdindan, la hundo proklamos tion la unua per ĝojaj bojoj. Ergoto estas kompetenta, kapabla kaj fervora esperantisto: kial do li limiĝas al la rolo de diletanto, se li povas fariĝi virtuozo?

——oOo——

Post sia kolapso pasintjara, ESPERANTO GAZETO, 1, 1973, reaperas en Aŭstrio kaj ĝin redaktas Herbert März. La 12-paĝa reviviĝinta revuo prezentas tian aspekton fizikan kaj intelektan, ke ni timas, ke ĝia refalo okazos baldaŭ kaj definitive. Mi ne scias, ĉu pri ĉi tiu afero de ESPERANTO GAZETO ni devas pensi pri idealo sen adeptoj, aŭ pri adeptoj sen idealo.

——oOo——

En THE BRITISH ESPERANTIST, junio/julio 1973, diras D. S. Lord:
"Kie troviĝas du esperantistoj, tie troviĝas tri opinioj —aŭ tiel ŝajnas. Ĉiu obstine antaŭeniras. Oni obstinas pri celoj, pri rimedoj, pri oficoj, pri lingvaj reguloj, pri organizaj aranĝoj; oni obstinas kaj pri literaturo kaj pri la rajto neniam estri la lingvon... Sendube ne estas nova afero, ke tiuj, kiuj pristrebas la pacigon de la homaro, eĉ pli strebas inter si."
Ne, ne estas nova afero. La homo estas esence absurda: tial li povas ami la homaron abstrakte kaj abomeni la individuojn konkrete. Tial ni, esperantistoj, disputas, insultas, malamas unuj la aliajn, kunkantante en la paŭzoj:

Sur neŭtrala lingva fundamento,
komprenante unu la alian,
la popoloj faros en konsento
unu grandan rondon familian...

Ĉu jam finiĝis la himno? Nu, bone, ni eltiru denove la ponardojn.

——oOo——

EL NOV-ZELANDA ESPERANTISTO, n.° 370, 3-1973:
"Sed kie estas la novaĵoj de la aliaj kluboj kaj grupoj? Viaj informoj servas du celojn: ili indikas la nivelon de aktiveco tra la lando... kaj helpas al la redaktoro de via gazeto... plenigi la paĝojn. Tiu lasta estas treege grava."
Kurioze: oni preskaŭ konfesas, ke Esperanto "utilas" por diri tutmonde, ke oni havas nenion por diri. Kvazaŭ Esperanto povus esti ankaŭ la metodo internacie silenti.

——oOo——

Kaj jam fine, karaj amikoj, vin salutas elkore ĝis la proksima revurikolto.

*F. de Diego*

# SEKRETARIA RAPORTO PRI LA LABORO REALIGITA DUM LA PERIODO EKDE LA UNUA DE JULIO DE 1972 ĜIS LA TRIDEKA DE JUNIO 1973

La nuntempa Estraro de H.E.F. plenumos en la proksima decembra monato la kvaran jaron de sia funkciado. Eble, tiam estos la momento fari resumon de la sukcesoj kaj malsukcesoj. Sed antaŭe estas oportune fari klarigan komenton.

Plene, la estraranoj, kompreneble, ne povas esti feliĉaj pro siaj atingoj. Kiam ili komencis la laboron, la entuziasmo estis forta kaj granda. Tamen, poste, ankaŭ la malfacilaĵoj kaj obstakloj estis grandaj kaj multaj; cirkonstancoj kiuj faris tre modestaj la rezultojn kiujn ni povas prezenti al la gesamideanoj konsistigantaj nian karan Federacion. Vere, ĉi tio povas kaj devas esti instruo kaj ekzemplo por ĉiuj.

Laŭstatute, nun, ses membroj de la Estraro lasos sian postenon kaj aliaj personoj kun novaj ideoj kaj novaj iluzioj anstataŭos ilin. La sperto kiun ni akiris dum la periodo de nia gvidado de la Asocio montras ke por realigi veran kaj efikan agadon, la Estraro ne povas esti sola kaj en la Federacio devas ekzisti unueco kaj kunlaboro. Pro tio kaj kiel mi jam diris en multaj okazoj la Federacio ne estas la Estraro. Ĝi estas granda familio kiu sentas la problemojn de la membraro kaj havas noblan kaj altan celon. Disvastigi la idealon de la Internacia Lingvo tra la mondo.

Kore mi petas al vi ke la proksima Estraro de H.E.F. havu pli grandan kunlaboradon por ke ĝi povu atingi la rezultojn kiujn ni ne povis prezenti al la ĝenerala kunveno malgraŭ nia komuna deziro. Rezultoj kiujn mi povas resumi per malmultaj vortoj. Pli granda nombro da membroj kaj grupoj de H.E.F. Pli efikaj rilatoj kun la aŭtoritatoj de la Nacio. Pli granda nombro da eldonitaj libroj en Esperanto. Enkonduko de Esperanto en la malsuprajn nivelojn de la Instruado. Plibonigo de la kono de Esperanto inter la gesamideanoj de H.E.F. Pli granda nombro da artikoloj pri Esperanto aperintaj en Radio, Televido kaj Ĵurnaloj, por plej bona kono de la Internacia Lingvo en la tuta Lando. Pli granda mona helpo de la aŭtoritato kaj de la publikaj instancoj, k.t.p. Sed tion, neniu Estraro povos atingi se ĝi ne havas la plej grandan kaj la plej efikan helpon de la membroj de la Asocio. Helpoj kiuj povas esti: unue, la mona, ĉar ĉiuj scias ke sen la mono nenio povas fariĝi; due, proponoj de novaj urboj kongresaj; en la lastaj jaroj neniu urbo estis proponita; trie, propagando por kapti novajn membrojn en tiuj urboj en kiuj loĝas kelkaj esperantistoj; kvare, respondoj al la Estraro kiam ekzistas motivo; preskaŭ neniam oni respondas la sendatajn cirkulerojn; kvine, praktikaj sugestoj kaj ideoj; fine amikaj kritikoj.

Ni opinias ke la Federacio ne povas elekti alian vojon ol la kunlaboro kaj la helpo. Alimaniere, baldaŭ la Asocio havus malfacilaĵojn por ekzisti. Pro tio, estas necese ke ni komprenu la realon kaj komencu labori por ke Esperanto povu atingi la lokon kiun ĝi meritas, la lokon de la plej altaj kaj noblaj idealoj, kiuj nur celas la amon kaj la interkomprenadon inter ĉiuj kiuj konsistigas la mondan familion.

Nun, mi resumos la realigojn de la Estraro dum ĉi tiu jaro.

Dum la decembra monato, laŭ la decido de la ĝeneralaj kunvenoj, la Estraro sendis al la membroj de H.E.F. balotilojn por elekti novajn estraranojn. La rezultoj estas jam konataj pere de BOLETIN. S-ro Díez García de Valladolid estis reelektita kaj Sro. Nuez Pérez de Barcelona estis nomita por okupi la postenon de Sro. Moya Escayola.

Nove, la Estraro en ĉi tiu jaro petis monan helpon al la Ministerio pri Edukado kaj Scienco por pagi la elspezojn de la Sekretariejo. La Ministerio respondis la peton per subvencio da 20.000 pesetoj.

En la Centra Oficejo de H.E.F. dum la pasinta lernad-periodo oni organizis du elementajn kursojn de Esperanto kun bonaj rezultoj. La Estraro konsi-

deras tre utila plu organizi tiujn kursojn. Plie, oni aranĝis tie, tri prelegojn. Unu de S-ro González de Aboín okaze de la Zamenhofa Tago, alian de S-ro de Diego por prezenti la eldonon de la traduko de "Rimas de Becquer" kaj fine, alian de S-ro Prytz el Norvegujo. Ankaŭ la Prezidanto por fari interesan propagandon prelegis en la Labora Universitato de Alcalá de Henarés, kaj en la salonoj de la preĝejo "Asunción" de Madrid.

En la septembra monato, la Estraro decidis reorganizi la Centran Informan Oficejon gvidotan de la Prezidanto.

En la novembra monato la Urbestro de Málaga komunikis decidon dediĉi straton en la urbo kun la nomo Esperanto.

Rilate informadon pri Esperanto oni povas resumi la aferon tiel. Dum la XXXII-a Hispana Kongreso de Esperanto en Vigo la Televido kaj la Gazetaro faris bonan propagandon. Multaj artikoloj aperis en la ĵurnaloj pri tiu okazaĵo. Plie, la Estraro ricevis de hispanaj grupoj kaj de aliaj samideanoj artikolojn pri la Esperanta Movado aperintaj en la respektivaj urboj kaj regionoj. Ankaŭ la Estraro sendis al la ĵurnaloj kaj al la radioelsendejoj notojn pri la aktivecoj de la Federacio. La Prezidanto estis intervjuita dum la jaro fare de kelkaj ĵurnalistoj por pritrakti Esperanton en la Radio, Televido kaj Ĵurnaloj.

La Esperanto-Grupo Calella kaj la Esperanto-Grupoj de la Kataluna regiono organizis en la maja monato la 15-an Katalunan Esperantistan Renkontiĝon.

Dum la jaro, 65 novaj samideanoj aliĝis al la Federacio. Tamen pro diversaj kaŭzoj proksimume 20 eksiĝis. En la nova kategorio "Dumviva Membro", ĝis nun aliĝis 10 membroj.

Nun, mi resumos la aktivecojn kiujn realigis la diversaj sekcioj kaj servoj de la Federacio.

BOLETIN: Kiel ĉiam, la oficiala organo de H.E.F. aperis regule. Ni povas esti kontentaj ĉar ĝi aperas akurate kaj ĉiam pli kaj pli la redaktorino F-ino Gastón ricevas gratulojn pro la enhavo kaj prezento de la revuo.

FERVOJISTA SEKCIO: Unue, la membroj de H.E.F.A. aktive partoprenis en la jenaj aranĝoj: Nacia Esperanto-Kongreso en Vigo, Universala Esperanto-Kongreso en Portland, Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso en Arhus kaj Kataluna Esperantista Renkontiĝo en Calella. La sekcio daŭrigas la instruadon de Esperanto en la sidejo de la "Asociación ferroviaria", Moratín, 10. Madrid. Al la koresponda kurso aliĝis 254 lernantoj; 50 el ili jam finis la kurson kaj aliaj multaj daŭrigas ĝin. Tre ofte la sekcio akceptas eksterlandajn gesamideanojn, kiuj ĉiam estas regalataj per trinkaĵoj kaj memoraĵoj. Okaze de Zamenhoftago la sekcio organizis tutmondan ekspozicion de kolorbildaj poŝtkartoj, filmprezentadon, jarkunvenon kaj familian festeton. Ĉiu-semajne la Estraro kunvenas por pritrakti diversajn aferojn de la sekcio. La membronombro de la sekcio plialtiĝis al 235. Do la agado bone marŝas. La Esperanta Biblioteko ankaŭ plialtigis la nombron da libroj, dankon al donaco de kelkaj el ĝiaj membroj. Kunlaborado okazis kun Japana Esperanta Fervojista Asocio, Centro Esperanto Sabadell, Hispana Esperanto-Muzeo, Klubo Amikoj de UNESKO kaj Germana Esperanto Fervojista Asocio. Tre bonaj rilatoj ekzistas kun ĉiuj katalunaj Esperanto-grupoj kaj aliaj de diversaj hispanaj urboj. Kiel sekcio de FISAIC ĝi havas bonajn rilatojn kun RENFE. La plej grava evento de la jaro estis la definitiva elekto de Tarragona kiel kongresurbo por la 26-a I.F.E.F. Kongreso. Pro tiu kaŭzo multobliĝis la rilatoj de la estraranoj kun RENFE kaj Tarragona-aŭtoritatoj por atingi bonan sukceson de la I.F.E.F. Kongreso.

JUNULARA SEKCIO: Unue, oni intencis pligrandigi la nombron de la anoj, kaj pro tio oni decidis doni premiojn al la varbontoj. La premioj konsistis el unu numero por lotado, okazonta se oni atingus pli ol 100 varbitojn kaj donaco de libroj: po unu libro por tri novaj membroj varbitaj. Oni deziris koni la opinion de la membroj pri la sekcio kaj ĝia bulteno, tial oni faris enketon inter ili por plu agadi pli trafe. Por interesigi la anojn en la verkado de la

bulteno, oni kreis literaturan konkurson de artikoloj publikigotaj en la revuo. Ankaŭ, oni publikigos jarlibron, similan al la "Directorio" de H.E.F. Ankoraŭ restas aliaj projektoj. Baldaŭ oni presigos membrokartojn por ĉiuj H.E.J.S.-membroj, kaj ĉisomere aŭ venontjare oni aranĝos renkontiĝon por interkonatiĝo de la membroj. Fine, estis bonega okazo por disvastigi la movadon, ĉar oni atingis standon en la Internacia Specimen-Foiro de Bilbao, kiu komencis dum la V.ª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo. Tio donis grandan signifon al la partopreno en la ĉijara foiro.

HISPANA ESPERANTA AŬRORO: La sekcio kiel en aliaj jaroj daŭrigas la laboron disvastigi la internacian lingvon inter la hispanaj blinduloj.

TURISMA SEKCIO: La vivo de la sekcio dum 1972 disvolviĝis laŭ la plano programita en la pasinta ĝenerala kunveno. Okaze de la XXXIIª Hispana Kongreso de Esperanto en Vigo, la sekcio organizis kaj efektivigis turisman ekskurson tra diversaj hispanaj kaj portugalaj urboj.

Pere de la Grupo Esperantista de Bilbao, kiu organizis la aranĝojn, la sekcio organizis la V-an Francan-Hispanan Esperantistan Renkontiĝon en la ĉefurbo de Vizcaya; okaze de ĝia efektivigo ankaŭ aranĝis ekskurson por partopreni en tiu esperantista evento je la fino de ĉijara junio.

La kurso de Esperanto organizita en Centro Cultural Medina, komencita en la monato marto, bonege sukcesis.

Kaj la laboro rilate al informado pri vojaĝplanoj kaj feriaj lokoj en Hispanujo, same kiel akcepto de eksterlandaj samideanoj estis tre intensa.

KASO: Pri tiu afero la kasisto prezentos la raporton.

KORESPONDA KURSO: Dum la lasta kurso oni plu laboris senĉese kaj oni atingis kelkajn dekojn da novaj lernantoj kiuj profite studis. Ankaŭ ok el ili ricevis jam la koncernan diplomon. Oni respondis ĉirkaŭ tricent petojn pri Esperanto kaj ege helpis nin la sendo de la taŭga broŝuro "Hechos Fundamentales". Ni kore petas al ĉiuj H.E.F.-anoj ke ili daŭre diskonigu nian kurson.

ELDONA FAKO: Estas interesa evento la eldono de "Kun sopira koro", tradukita de Fernando de Diego kaj la prezento de la unuaj ekzempleroj la 28-an de februaro en la sidejo de H.E.F. en Madrid. Nun estas la momento por ke ĉiuj membroj de la Asocio kaj samideanoj aĉetu tiun verkon.

En la monato decembro oni aperigis la duan eldonon de la informa broŝuro "Hechos fundamentales..." komplete reviziita kaj ĝisdatigita de la aŭtoro, Dro. Lapenna.

Ankaŭ en la marta-aprila numero de BOLETIN la fakestrino prezentis la resumon de la rezulto de la fako dum ĉi tiu jaro.

LIBRO-SERVO: En la lasta numero de BOLETIN aperis la rezulto kiun vi eble jam legis. Tiu ne estas sama kiel en antaŭaj jaroj. Eble la translokiĝo al Madrid de ĉi tiu servo estis la kaŭzo de la malplia vendado de libroj, kiel vi povis konstati.

FONDUSO ESPERANTO: La resumon de la realigoj de la Fonduso dum la lastaj jaroj, vi povas legi en la raporto kiun la sekretariino faris en la maja-junia numero de BOLETIN.

Laŭ informoj de F-ino A. Núñez Dubús de Pamplona la laboro por la preparo de materialo por aranĝi la Antologion de hispana literaturo en Esperanto estas preskaŭ finita.

Por fini la legadon de tiu ĉi raporto, same kiel en aliaj okazoj, mi nur deziras danki la helpon de tiuj, kiuj per leteroj, artikoloj kaj kritikoj kunlaboris en la laboro de la Estraro. Mi ankaŭ dankas la bonvolemon de multaj samideanoj kaj mi petas nove pardonon pro miaj eraroj. DANKON.

*Manuel Figuerola Palomo*
Sekretario de Hispana
Esperanto-Federacio.

Grava komuniko:

## LITERATURA KONKURSO

La itala kultura asocio neesperantista "Tempo Sensibile" organizas enkadre de la itallingva konkurso "Premio Città di Novara 1974" (Novara, januaro 1974) kaj kunlabore kun la Novara Esperanto-grupo esperantan branĉon, laŭ jena regularo:

1) La konkurso estas internacia: ĉiuj esperantistoj, escepte de la ĵurianoj kaj de la sekretarioj de la konkurso mem, rajtas partopreni.

2) Ĉiuj rajtas konkursi per unu verko, neniam premiita kaj neniam aperinta prese.

3) La konkurso havas nur unu branĉo: "eseoj" pri libera temo en ĉiu fako kaj de scienco kaj de beletro.

4) La verkoj estu tajpitaj kun interlinia spaco (maksimume 240 x 60). Oni sendu kvar kopiojn de ĉiu konkursaĵo. Sur ĉiu kopio estu skribita la pseŭdonimo de la aŭtoro. Sur la koverto oni skribu nur la pseŭdonimon. Oni enmetu ankaŭ tri respondkuponojn por sekretariaj elspezoj.

5) Oni sendu ĉion (konkursaĵon, slipon en koverto kaj respondkuponojn) al la jena adreso:

**PREMIO CITTA' DI NOVARA 1974**
**esperanto fako**
**casella postale 132**
**I - 28100 NOVARA**

6) Validas nur la konkursaĵoj senditaj antaŭ la 15-a de decembro 1973 (laŭ poŝta stampo).

7) Komisiono elektota inter italaj kleruloj estos tuj komunikata al la konkursanoj. Sekretariino estos Michela Lipari; vicsekretariino Rosella Zerboni.

8) La premiitaj verkoj aperos enpremiere —en la itala traduko— en "Tempo Sensibile" kultura revuo naciskala. Partopreno en la konkurso implicas permeson por senpaga publikigo en la menciita revuo.

9) Ĉiu ĵuriano asignos al la unuopaj konkursantoj voĉon inter 0 kaj 30. Por eniri la finalan klasifikon necesas akiri minimuman kvorumon de 54 poentoj. Por gajni la duan premion la minimuma kvorumo estas 63 poentoj. Por gajni la unuan premion la minimuma kvorumo estas 72 poentoj.

10) La rezultoj estos diskonigataj la 26-an de januaro 1974 dum la oficiala premi-cerimonio en Novara, kaj komunikataj al ĉiu konkursano. La antaŭviditaj premioj estas maksimume tri (1-a, 2-a, 3-a).

TIP. C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA
D. L. Z. - 375 - 63